# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 01/11/2014 Cent okdek naŭa eldono 01/11/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 43. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Kombinaĵoj de vortoj. F

La tria speco de difinanta esprimo estas la Suplemento, Prepozitivo kiu plejofte sekvas la difinaton, ekz. la flago sur la monto, aŭ la surmonta flago.



La kvara speco estas la adjektivo ĉe substantivo: "La trikolora flago". Kontraŭ la logiko, sed ne kontraŭ la gramatikaj reguloj, ĉi tiu difinanto, nomata epiteto, troviĝas kutime antaŭ la substantivo.

Oni povus klasifiki ĉi tie ankaŭ la kombinaĵon de verbo kun sia adverbo, ekz. "La hundo bojas daŭre", kiun adverbon ni normale klasifikas kiel adjekton.

Marcel Leereveld.

# ESPERANTO KAJ ESPERANTO-DOMO Sidnejo

**La Esperantistoj aĉetis Esperanto-Domon (ED) por havi lokon kie Esperanto-uzado realiĝos. Jen vera Esperantujo!**

Ne eblas lerni naĝadon sen mergiĝi en akvon. Ne eblas lerni lingvon sen mergiĝi en tiun lingvon.

Kiam mi unue venis al Esperanto-Domo, en ĝi la preferata lingvo estis Esperanto. Pro tio, en ĝi mi Esperantistiĝis.

La Federacio ne havas monajn problemojn ĉar la luanto de nia fabrikejo sufiĉe lupagas por ebligi, ke ni pagu la ripar-kaj konservkostojn. La plano ne estis lui Esperanto-Domon mem, krom se mono bezoniĝis por subteni Esperanton.

Nia plej grava tasko estas informi la popolon, ke Esperanto ekzistas, kaj tiel pligrandigi la nombron da Esperantistoj kaj anoj de la Federacio.

La EFNSK provis havi novajn anojn per permeso al la leĝa grupo uzi ED senpage por siaj kunvenoj. Dum 2011 la estraro ekdivenis ke aliaj grupoj havas siajn proprajn celojn kaj tiuj ne inkluzivas Esperanton. La estraro decidis ne plu permesi ne-EFNSK grupojn uzi Esperanto-Domon. Nun la arĥivoj de AEA endomiĝas en ED kaj estas eĉ pli grave, ke ne-EFNSK grupoj ne uzu ED.

Zamenhof kreis Esperanton kiel solvon de la problemoj kreitaj per la diversaj lingvoj ne interkomprenitaj en Bialystok, lia hejmurbo**. Li esperis, ke la miskomprenoj kreitaj per lingvaj diversaĵoj simple solviĝos pere de Esperanto.**

Antaŭ ol Esperanto povos progresi, ĉiuj homoj devas scii ke ĝi ekzistas. Ni devus malaŭdebligi la frazon "Esperanto, kio ĝi estas?" tra la tuta Aŭstralio. Se oni neniam aŭdis pri Esperanto, oni ne povas elekti lerni tiun lingvon nek subteni ĝin.

Estontaj EFNSK kunvenoj inkluzivos Esperanto-paroladojn kaj diskutojn. Eĉ se oni komprenas nur kelkajn vortojn, tio signifas progreson al la celo fariĝi vera Esperantisto kaj estas rekompenco por la strebo studi Esperanton.

Ĉiuj projektoj de EFNSK devas celi la pligrandiĝon de la nombro da Esperantistoj (kaj novaj kaj antaŭaj) en la Federacio. Nepre necesa paŝo en ĉi tiu strebo estas re-fokusi niajn agadojn kaj rezolutecon, kaj jen kial, en nia pasinta kunveno, ni komencis diskuti ideojn kaj metodojn por sukcese kreskigi kaj la Esperantistaron kaj la EFNSKon.

La Lingva Festivalo unue estis proponita kaj aranĝita kiel interesa temo por distri la ĉeestantojn de unu kunveno ĉe ED. La nova Sidneja Lingva Festivala Asocio (SLFA) celas "celebri lingvan diversecon". Jes, ni celebru lingvan diversecon, sed unue ni celebru la lingvon kies celo estas kunigi, ne apartigi, la diversajn homojn de la mondo, t.e., ni celebru unue, Esperanton. *(English copy available on request. rspring@tpg.com.au)*

La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.
Ĉu vi havas pli bonan metodon por rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?
Roger Springer
Prezidanto EFNSK 26/10/14

# KLUBNOVAĴO





Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn. Sed malmultaj emas informi

## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj





## Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 26an de oktobro

Entute 15 homoj subskribis la Bonvenigan libron. Estis interesa, bona, amika tago.

Vizitantoj el Whyalla, S.A. Bruce Muhlhan kaj Rae Watson. (Ambaŭ surhavas ruĝan ĉemizon)



Venis Gerry Phelan, Colin Robinson, Andrew Spannenberg, Margaret Chaldecott, Mei Springer, Bruce Muhlhan, Rae Watson, Steven Garamy, Helen Munro, Nicole Else, Roger Springer kaj Jano Wylles. Ne sur la foto : Dmitry Lushnikov, Volo Gueltling, Robert Bain. Pedro Abreu el Brazilo fotis.

Mi ŝanĝis la tagordon de niaj kunvenoj.

**Du-hora aferkunveno**. Ĉiuj kaj ĉies ideoj estas bonvenaj, sed rezultojn de voĉdonadoj devas subteni la plejmulto de la estraranoj kiuj ĉeestas. {kunveno en la angla}

**Sekvis unu-hora lunĉa periodo**. Amika etoso. Tiam Gerry mentoris Helen en la lernado de Esperanto.

**Poste tri 15-minutaj prelegetoj**. Unue Roger pri la retradio, due Nicole pri “ĉu vi konsentas ke geedziĝoj validu nur dum 5 jaroj”, trie Colin "Kio okazis al la fino de historio?" Tre bonaj interparoloj en Esperanto. Eĉ Helen diris ke ŝi ĝuis aŭskulti parolitan Esperanton dum la prelegoj.

Poste Andrew parolis iomete pri la Maitlanda multkultura festivalo kaj estontaj ĉeestoj de Esperantistoj ĉe tiuj eventoj. Li ankaŭ iom klarigis pri sia projekto « Amu niajn malamikojn »

Sekvis **posttagmeza kafa periodo,** esperantaj konversacioj, fotado, ĝis la kvara horo.



# AEA Arĥivoj ĉe Esperanto Domo

29 Okt Ian laboris iomete en la arĥiva ĉambro ordigante la arĥivojn. Multege da laboro bezonota



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo 01/11/14 ni kunvenis. Tel 9976 6320 aŭ spring@tpg.com.au aŭ venu surprizi nin.

# Melburna kafoklubo ne plu ekzistas.



Multan dankon refoje pro AE. Mi ĉiam serĉas minutojn por tralegi ĝin.
Tamen hodiaŭ, bedaŭrinde necesas informi vin ke la Melburna kafoklubo ne plu ekzistas.
Daŭran kuraĝon kaj korpoforton deziras,
Jennifer Bishop.

★

Mi konfuzis la novan Melburnan Meetup grupon kun la malnova nun neekzistanta Kafoklubo.
Roger Springer, mi pardonpetas.





# La Adelajda Esperanto-klubo. Kantvespero ĉe Indrani Beharry-Lall



Ni bone manĝis kaj agrable babilis. Ĉe la pianludado de nia gastigantino kaj banĝo de Bob Felby ni kantis proksimume 25 kantojn. Ne ĉiuj el ili estis al ni konataj, sed ni konsentis, ke ni volonte lernas novajn kaj la ricevitaj kopioj de la tekstoj-muziknotoj helpis nin en niaj klopodoj.
La celoj estis plenumitaj kaj ni dankas la organizintinon pro ŝia gastamo.
Katja Steele



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

## Ekskurso al Carisbrook (de Franciska Toubale)

Sabaton, la 25an de oktobro grupeto da melburnanoj veturis al Carisbrook, urbeto apud Castlemaine.

Kial ? Por ĉeesti la inaŭguron de memorejo kaj ĝardeno de forte odoraj plantoj honore al Tilly Aston.

Pere de la revuo Aŭstraliaj Esperantistoj vi jam legis pri tiu grava esperantistino, Mathilda Aston aŭ Tilly Aston, kiu tie naskiĝis, vivis kaj alportis ŝanĝojn al la edukado de blinduloj. Kiam ŝi naskiĝis en 1873 blinduloj estis konsiderataj kiel ŝarĝo por la socio. Estis menciita tiu anekdokto pri Tilly. Iam ŝi veturis per trajno kun grupo da blindaj infanoj, iu kunvojaĝantino simple deklaris ke estus pli bone se ili estus mortintaj. Danke al sia kono de Esperanto, ŝi havis multe da kontaktoj en la tuta mondo kaj povis kompari la manieron en kiu la blinduloj estas traktitaj laŭ la landoj.

Ŝi fondis la asocion, kiu nun nomiĝas Vision Australia. Ŝi sukcesis havigi al blinduloj :

- senpagan transportadon de libroj , tiuj spacokupaj libroj en brajlo.
- la rajton voĉdoni per taŭga rimedo. Antaŭe necesis skribi sian nomon, kion blindulo ne ĉiam povis fari .

Estis interese scii pli pri tiu energia, inteligenta virino, vidi fotojn pri ŝia vivo, eĉ aŭdi ŝian voĉon. Bedaŭrinde la persono, kiu konis ŝin (Tilly mortis en 1947) ne povis veni. Ankaŭ ŝi estas blinda kaj ŝi ne povis trovi ŝoforon.

Sed ankaŭ tre alloge estis renkonti pliajn esperantistojn , interalie Zachary, juna esperantisto el Marysborough , urbeto najbara de Carisbrook. Li sole studas la lingvon per la reto. Ni donis al li la unuan okazon babili en Esperanto. La renkonto ne estis hazarda. Danke al sia lerta uzado de la reteblecoj Joanne Johns sukcesas kontakti junajn entuziasmulojn.

– Mi bedaŭras ke la tempo ne permesis al ni pli longe paroli kun la lokaj loĝantoj. Aparte kelkaj virinoj miris kiel Esperanto povis ludi tiun gravan rolon kaj faris multe da demandoj pri la lingvo. Eble iam ni havos la surprizon renkonti esperantistojn el Carisbrook !




La novaj esperantistoj parolas kun la plej malnova esperantisto

# Kiam, kie, kio okazas?

## Internacia Esperanto-Kalendaro

### Esperanto-renkontiĝoj en 2014 kaj Poste

Kunlaborantoj: Mészáros István kaj Szilvási László — Adreso de la redakcio: oficejo@eventoj.hu

**Sendu vian fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**




# "kiel oni fariĝas ekskomencanto."

Karaj geamikoj, http://youtu.be/A6Qg88fpDY8 Klaku, Aŭskultu, Ekskomencantiĝu.
Jen tre bona video laŭ la temo "kiel oni fariĝas ekskomencanto."
Amike Betty Chatterjee, "Leganto de AE el Danujo "

Esperanto-radio - Ĉu ankoraŭ grava ? prelego de Paŭlo Sergio Viana dum la 8a Esperanta Kongreso de la Ŝtato Sanpaŭlo. 18 - 19 oktobro 2014

# La sekreto de la reĝo.




Jen plia rakonto estas nun spektebla en Esperanto: La sekreto de la reĝo.

https://www.youtube.com/watch?v=251k9fgmHSw

Amike, Nicole

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2014-10-30 AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (30/10/2014) ĉeestis Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**

Ilia ankoraŭ ne ricevis vizon…. Ŝi volas prezenti dancon kaj prelegi pri Indonezio.
Jo ŝatas paroli pri: "Kiel desegno povas helpi en la disvastigo de Esperanto".
Trevor pretas organizi kaj gvidi la ekzamenojn.

*** ARĤIVOJ**

Ni daŭrigu la serĉadon de bibliotekisto kiu povus ordigi nian arĥivon.
Huigh verkis la jenan anoncon:

*Volunteer needed*
*The Library & Archive of the Esperanto Association of Australia, held in Esperanto House (close to the Redfern Railway Station) is maintained by a retired librarian in Canberra who visits several times per year. A retired librarian, or someone with library experience, is needed to give local assistance in maintaining order in the collection of ca 4000 items.*
*Contact Huigh Malcolm ( huighm@gmail.com)*

Helpu, se vi konas iun helpeman bibliotekiston, speciale en Sidnejo…

*** RETEJO**

Nun la retejo troviĝas ĉe la ĝusta loko…. Kaj ĝi funkcias.
http://aea.esperanto.org.au

*** ROBERT BUDZUL**

Ekde 2007 Robert Budzul estris la Libroservon de AEA.
Li mendis kaj vendis librojn eble ĝis minimume $1500 kaj dum la lastaj 18 monatoj,

malgraŭ ke ni petis pagon de li multfoje kaj malgraŭ multe da promesoj, ĝis nun AEA ricevis nenion.

*** ESK**

Espereble, ĉiu membro jam ricevis sian kopion de la septembra numero
Ni intencas havi numeron antaŭ kristnasko.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 13-an de novembro, je la 19:00 (18:30)

Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 | Vidu<br>AE186 | Vidu<br>AE187 | Vidu<br>AE188 | Vidu<br>AE189 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | |
| **Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | |
| **Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au** | | | | | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | | | | | |

## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.




Ĉu vi havas pli bonan metodon rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?

Roger Springer